XIIa jaro. No 179 (7) ⭑ Monata ⭑ 5 julio 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
Luksa eldono . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I.824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

I

Kiam ie regas epidemio, oni penas ĝin kontraŭbatali per du manieroj: unuflanke, kuracistoj kaj flegistoj laboras por savi kiel eble plej multajn homojn je la premo de la malsano, eviti disvastiĝon de la malfeliĉego, kaj limigi ĝiajn ruinigajn efikojn. Aliflanke, higienistoj kaj ŝtatistoj, per funda esploro, elserĉas la kaŭzojn de la epidemio, kaj per ilia forigo celas neebligi la revenon de la danĝero. Ambaŭ laboroj estas same utilaj al la komunumo. Tamen, praktike, dum la unua agado interesas je plej alta grado la tutan loĝantaron, la dua — ĉar ĝi rilatas al la estonto — vekas atenton kaj kunlaboremon nur ĉe tiu malgranda homgrupo, kiu kuraĝas rigardi trans la nunaĵoj.

Ĉe tia katastrofo kiel la milito, sin elmontras ambaŭ kuracmetodoj. Unuparte, agas la empiria kuracado, kiu nur celas ĉirkaŭbari la malfeliĉon kaj laŭeble malpliakrigi la suferojn, kiujn ĝi dissemas. Tiun taskon prizorgas la multnombraj helpinstitucioj, kiujn naskis la militpostuloj, kaj densaj aroj de sindonemaj viroj kaj virinoj. Ĝin ankaŭ plenumas la diverslandaj bonintenculoj, kiuj penas rezisti al la ondegoj de ŝovinismo minacantaj superdronigi la homan saĝon.

Aliparte, la kuracadon per serĉado kaj forigo de la veraj militkaŭzoj provas kelkaj organizaĵoj, ankoraŭ tre malfortaj; tra multaj malhelpoj, ili serĉas novajn vojojn, penas rompi la fatalan iderondon, interne de kiu moviĝas la homaro. Sed dum la unua celado — milithelpado — vekas ĉies simpation kaj kunlaboron, la dua celado — batalo kontraŭ militsistemo — estas konsiderata aŭ kiel utopia okupo apenaŭ atentinda aŭ kiel danĝera agado nepre ĉesigota.

Miri pri tio oni ne devas. Por la tre granda plimulto de la homoj, la demando estas efektive ekstreme simpla. Kulpa estas nur la malamiko. *Ĝi* volis la militon, *ĝi* atakis, *ĝi* rifuzis ĉiujn pacajn solvojn. Sekvas el tio, ke sufiĉas ĝin bategi, tiel ke ĝi ne plu kuraĝu rekomenci antaŭ kelkaj generacioj. Daŭran pacon ĉiu deziras, sed ĉiu samtempe opinias, ke tiun celon oni povas atingi nur per plena venko super la malamiko, al kiu oni aljuĝas la tutan respondecon de la katastrofo. Tiu opinio havas la profiton, ke ĝi trudas kiel eble plej malmulte da pripenso. Ĝi lasas liberan kampon al la pasioj, kaj trankvilige efikas je la spirito. Plie, el la nacia vidpunkto ĝi estas necesaĵo: oni malpli volonte oferas sian vivon, se la analizo jam ŝancelis la kredon pri la absoluta praveco de la propra lando.

Verdire tiu kredo preskaŭ neniam devenas el zorga studado de la faktoj (tute senpartia studado estas tie neebla); ĝi estas ellaborita de la animoj sen influo de la racio. La kleruloj, kiuj per ĉiuspecaj verkoj penas pruvi, ke senkulpa estas sole ilia lando, nur helpas por poste doni al tiu spontana kredo racian fundamenton. Estas do tre malfacile trakti la militproblemon, ne nur ĉar ĝi estas jam malfacila per si mem, sed ankaŭ ĉar eĉ la plej trafaj argumentoj kaj rezonadoj senĉese rompiĝas kontraŭ la enradikigitaj kredoj pri absoluta justeco de la propra nacio. Kontraŭ tiu kredo, la racio estas tre malforta. Nur iom post iom, kun la apogo de la faktoj, ĝi agas.

Tamen, ĉiulande, sed precipe tie, kie la militfaktoj ne ŝanĝis la penskondiĉojn, ekzistas malgrandaj aroj de homoj, kiuj pro konvinkoj antaŭe alprenitaj ne akceptas tiun unu-

flankan respondon pri la plenkulpeco de la malamiko. Ili vidas en la nuna katastrofo la rezultaton de vasta *sistemo*, je kies konservado ĉiu havas ian respondecon. Tiu sistemo bazas sur komune akceptitaj ideoj, kies homoj estas nur servantoj ofte nekonsciaj. Ŝanĝi tiujn ideojn estas la vera celo atingota. Por tio kunagis antaŭ la milito diverslandaj pioniroj kaj laŭcelaj organizaĵoj. Oni scias, ke ilia agado estis senefika. Ĉu post la krizo ĝi efikos pli bone? Ĉiuokaze, ne perdinte kuraĝon, kelkaj el ili denove eklaboris kaj kunrilatis por la starigo de komuna programo celanta la kreon de nova ordo internacia. Kvankam bonaj patriotoj, ili ne forgesas, ke super la nunaj patrujoj estas komuna civilizacio, frukto de multegaj penadoj. Tiun civilizacion ili volas ŝirmi kontraŭ la senĉesa militdanĝero; ĝin ili volas savi el la barbareco de la gentaj pasioj. Malgraŭ la diskreditigo, kiu momente atingas iliajn ideojn, ili esperas, ke la faktoj helpos por restarigi tiujn ideojn, kaj konduki la mondon al novaj vojoj. Flanke, atendas milionoj da homoj, ja tro pasivaj por rompi kun la miljaraj kutimoj, sed jam sufiĉe konsciaj pri tio, ke similaj travivaĵoj ne plu devas reokazi. *Sed kiel?*

Ne preterpasante la limojn, kiujn trudas al ni la neŭtrala karaktero de tiu ĉi gazeto, ni dezirus ekzameni la solvojn proponitajn por starigi pli bonan ordon internacian, atentigi pri la diversaj aspektoj de la problemo, kaj se eble eltiri ĝeneralan konkludon — *se eble* . . .

* * *

Antaŭ ĉio necese estas, starigi ordon inter niaj ideoj kaj balai nian spiriton ofte plenigatan je ĉiuspecaj sin reciproke kontraŭstarantaj pensoj kaj tendencoj. Por tio ni ekzamenu, kiel staras la homoj pensokapablaj rilate al la problemo, kiu nin okupas.

Vastega grupo opinias, ke la militproblemo estas aŭ ne solvinda aŭ ne solvebla. Iuj juĝas, ke la milito estas en si mem bona, justa kaj nobla, ke necesa ĝi estas je la progresigo de nia civilizacio, ĉar ĝi ebligas selekcion inter la nacioj. Laŭ la aliaj, la milito estas malbona kaj nedezirinda, sed ĝi estas malbono neforigebla. Ĉiam ĝi ekzistis; ĉio supozigas, ke ĉiam ĝi ekzistos. Sekve, oni nur penu, ke ĝi estu kiel eble plej malofta kaj malplej malhumana. Ĉiu nacio klopodu esti tiel forta, ke neniu havu la deziron ĝin ataki.

La unua vidpunkto estas ĝenerale subtenata nur de kelkaj pensuloj, ofte influaj ĝuste pro la paradokseco de iliaj tezoj, kaj de profesiaj militistoj ŝatantaj sian metion kaj konsiderantaj la armeon kiel celon, ne plu kiel rimedon. La dua vidpunkto ĝis nun regis en la gvidantaj rondoj de Eŭropo. Regnestroj, ŝtatistoj, diplomatoj ĉiam publike laŭdis la pacon, kaj faris el ĝia konservado la celon de sia politiko; tion ili almenaŭ diris, kaj ili estis sinceraj rilate al la momento mem. Dume, la ŝtatoj kreskigis siajn armadojn, opiniante, ke tio estas la plej efika rimedo por eviti la militon. Ĝin neniu volis, sed pri ĝia forigebleco neniu kredis. Tial, oni persistis perfektigi sistemon, kies fatala konkludo estis la katastrofo. La fataleco mem de la milito sin trudis al la spirito de la popolgvidantoj, kiuj de tiam estis nur sklavoj de la sistemo. Tian vidpunkton, ekzemple, havis la diplomatoj, el kiuj konsistis la Hagaj Konferencoj. Veninte Hagon por interkonsenti pri pli bona kunlaborado de la ŝtatoj, ili trovis pli simple fari leĝojn por humanigi la militon, tiel ke ĝi estu enfermata en paragrafoj. Neniu el ili kredis je la ebleco starigi novan ordon. Akceptinte la militsistemon kaj kunveninte por fari ion, ili nur povis perfektigi tiun sistemon.

Kvankam ili malkonsentas pri la dezirindeco aŭ nedezirindeco de la milito, ambaŭ kategorioj supre aluditaj akordiĝas en tio, ke rilate al la problemo, ili staras negative: Oni nur povas ŝanĝi la limojn de la ŝtatoj sekve de la militrezultatoj, ilin grupigi tiel aŭ alie por kelka tempo, sed, poste kiel antaŭe, oni sin pretigu por eventualaj militoj kaj neniam kredu pri konstanta paco.

De longa tempo la pacamikoj direktis al la personoj tiel pensantaj diversajn pli-malpli konatajn argumentojn, kiujn ni tie ĉi ne ripetos, ĉar ni estas konvinkitaj pri ilia praktika senutileco. Evidente ne per teoriaj argumentoj povas konvertiĝi la partianoj de la nomitaj vidpunktoj, kiuj bazas ne sur la racio, sed sur la enradikigita *kredo* pri eterneco de la nuna sistemo. Nur gravaj faktoj, k. e. la nuna milito, kaj la influo de forta kontraŭa konvinko, ĝis nun tute mankinta, povos malsubite transformi ilian mentalecon.

La alia homgrupo opinias, ke la milito estas malbona, evitinda kaj *forigebla*. Ĝi ne estas natura leĝo, kontraŭ kiu la homa agado estas senpova. Ĝi estas nur konsekvenco de malbona sistemo, kiun la homoj povas forigi, se nur ili volas. Tie ĉesas la interkonsento. Pri la nova ordo internacia kaj precipe pri la maniero atingi konstantan pacon, regas tre malsamaj opinioj. Oni tamen povas ilin klasigi laŭ du vidpunktoj: unuj opinias, ke por trafi la rezultaton necesa estas *unue* plena reformo de la homo aŭ de la socio konforme al la postuloj de difinita doktrino. Tiun sintenadon ni povas nomi doktrina kaj absoluta. Aliaj, kontraŭe, asertas, ke nova ordo estas atingebla sen antaŭa solvo de aliaj sociaj aŭ moralaj problemoj, nur per ŝanĝo de sistemo kaj per aliigo de kelkaj el niaj ideoj pri tutmonda politiko kaj interŝtataj rilatoj. Ni nomos tiun vidpunkton politika kaj relativa.

Kelkaj vortoj pri la partianoj de la unue citita vidpunkto estas necesaj, ĉar la ideoj de ili esprimitaj ofte tute konfuzis la problemon kaj aperigis ĝin sub utopia aspekto. Kvankam diversaj, tiuj ideoj devenas el la sama principo, nome ke ekzistas nur unu solvo absoluta: reformo de la individuo aŭ de la socio konforme al doktrino. La starigo de konstanta paco estos nur rezultato de la alpreno de tiu doktrino.

La plej disvastigata tia opinio bazas sur religia aŭ etika kredo: Ĝis nun la homoj malamis unu la alian. La milito estis nur rezultato de tiu malamo, kiu regas inter la popoloj, same kiel ĝi regas inter la homoj. Ni do batalu kontraŭ la malamo. Ni enradikigu ĉe la individuo la ideon, ke ĉiuj homoj estas fratoj, ke sekve ili devas ami unu la alian. — Nu, kiel ajn bonaj estas la intencoj de la disvastigantoj de tiaj ideoj, oni devas konfesi, ke senefikaj ili estas je la pacproblemo. De la plej malnova tempo, ĉiuspecaj religioj kaj sektoj predikis la amon al la proksimulo. Ni ne volas aserti, ke tiuj predikoj tute ne efikis. Ĉu la homoj amas nun unu la alian pli nuntempe ol antaŭ kelkaj jarcentoj, ni ne povas decidi. Certe, ilia sentemo fariĝis pli akra; ilia scio pliriĉiĝis kaj dank' al tio ilia komprenemo plivastiĝis kaj forpuŝis la blindan malamon devenantan el la nescio. Precipe la vivado en socio kun la devoj, kiujn ĝi trudas sub la plej severaj sankcioj, enfiksis en la animojn, tra la generacioj, certajn kvalitojn, kiuj plialtigis la homon super la besto. Sed tiu akiro estas la rezultato de longega proceso. Ke ĝi ne estas ankoraŭ plene firma, pruvas la dummilitaj abomenaĵoj, ĉe kiuj, liberigite el la sociaj trudoj, la homo facile revenas al la moralstato de la unuaj aĝoj. Ĉiuokaze, kian ajn respondon oni faras al la supre formulita demando, restas vera la fakto, ke malmulte da influo havas je la paca problemo la demando pri amo. Interne de sama ŝtato regas paca ordo. Neniu kuraĝus aserti, ke ĉiuj anoj de sama ŝtato amas unu la alian. Kontraŭe, ĉar la interesoj estas pli interplektitaj, ekzistas ofte pli akraj malamoj inter samlandanoj konstante interrilatantaj, ol inter diverslandanoj malmulte bezonantaj unu la alian. La interpopola kolektiva malamo

ne estas la kaŭzo de la militoj. La historio montras, ke la plej diversaj popoloj batalis jen kune, jen unu kontraŭ la alia; ili sinsekve amis kaj malamis unu la alian, je maĺlongaj intertempoj. La interpopola malamo estas *rezultato* de la milito kaj militsistemo. Simpatioj aŭ antipatioj inter du popoloj ne havas instinktan naturan karakteron. Ili estas kreitaj de la cirkonstancoj. Sed ju pli ofte militas du samaj popoloj, des pli tiuj malamsentoj, unue malprofundaj, tendencas enfiksiĝi en la animojn, fariĝi nekonsciaj kaj heredaj. En tio kuŝas la danĝero. Se ekzistus paca ordo, la kolektivaj interpopolaj malamoj baldaŭ malfortiĝus kaj dissolviĝus; kontraŭe, kun la nuna sistemo de ripetitaj militoj, la malamo enradikiĝas pli kaj pli en la popolan animon. Por ke cedu tiu malamo, frukto de la cirkonstancoj, necesas, ke estu kreataj aliaj cirkonstancoj, kiuj ebligos ĝian eliminon. Al tiu celo tute ne sufiĉas predikoj pri homa frateco. La amo loĝas en la ankoraŭ tre malbone konata regiono de la *sentoj*. Ĝi ne estas kreebla per nia pripenso, sekve de pli-malpli logika rezonado. Prediki al la popolo A., ke ĝi amu la popolon B. kondukas al nenio, ĉar tiel oni tute ne atakas la fonton de la malamo, kiu kuŝas en la kontraŭeco de interesoj kaj vidpunktoj. Oni malaperigu tiun kontraŭecon, kaj la kolektiva malamo ŝanĝiĝos — ne en amon — sed en reciprokan toleremon aŭ indiferentecon. Se la starigo de pli bona ordo postulus unue, ke ĉiuj homoj sin konsideru kiel fratojn, oni povus atendi kelkajn jarmilojn. Feliĉe la plenumo de tiu morala perfektiĝo ne estas necesa. Por forigi la militsistemon, la homoj ne bezonas fariĝi anĝeloj, kaj, ĝin forjetinte, ili ankaŭ ne fariĝos anĝeloj. Inter individuoj samlandaj aŭ diverslandaj, inter grupoj kaj partioj, regos — poste kiel antaŭe — malamoj, envioj kaj konkuroj, el la kontakto de malsamaj interesoj, apetitoj, temperamentoj.

La ideo pri ordo internacia estas do sendependa de la morala postulo pri homa frateco. Tiu diferencigo estas tre simpla. Tamen, oni bedaŭrinde ankoraŭ ofte konfuzas ambaŭ ideojn. Tiamaniere, la en si mem komplikan problemon de la tutmonda paco oni ankoraŭ plikomplikigas, farante el ĝi nur parto de pli vasta morala problemo, kies solveblecon ni ne povas klare imagi. Ĝi tiam aperas kiel pure utopia celado de malgrandaj sektoj, kiuj konsistas ofte el tre noblaj homoj, sed, bedaŭrinde, forportite de la revo kaj lulate de mistikaj esprimoj, ne plu konscias pri la realeco.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperos ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj loĝantaj en regionoj, kun kiuj la poŝtrilatoj nun estas interrompataj, ricevos la aperintajn numerojn tuj kiam estos eble.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**





## SOCIA VIVO



### Pacoceladoj

Escepte la artikolo „La vojoj al daŭra paco“, aperinta en la N-ro de 5 junio kaj malgranda noto en la N-ro de 5 marto, mi ankoraŭ nenion legis en tiu ĉi gazeto pri la „Konsilantaro nederlanda kontraŭ la milito“. Tamen tiu asocio meritas la plenan atenton de ĉiu Esperantiano en la tuta mondo, precipe ĉar ĝi nun estas ne nur la centro de la nederlanda movado kontraŭ la milito, sed ankaŭ gvidas la „Centran Organizon por daŭra paco“, la internacian ligon, kiu estas formita inter la diversaj jam ekzistantaj movadoj.

La plej grava signifo de la laboro de l' Konsilantaro estas sur internacia kampo. Ĝi ja celas, prilabori la spiritojn de tiuj, kiuj kapablas influi la manieron laŭ kiu stariĝos la estonta paco. Por organizo en malgranda neŭtrala lando tio eble ŝajnas pridubinda entrepreno, sed tute sen ŝanco al sukceso ĝi tamen ne estas.

Post la dissendo de la „Alvoko“ en Nederlando, oni tradukis ĝin en la anglan, francan, germanan, danan, hispanan kaj Esperantan lingvojn por eksterlando. Kune oni forsendis presaĵon, kiu enhavis alvokon por kunlaborado kaj bontempa preparado por la estonta paco. Tiuj kaj aliaj presaĵoj, kiujn oni sendis eksterlanden, varbis la simpation de multaj personoj, tiel en la militantaj landoj kiel en la neŭtralaj. Oni esperas, ke en ĉiuj landoj ankaŭ fondiĝos centra asocio, kiu enhavus ĉiujn diversajn grupojn, laborantajn por daŭra paco, sen diferenco de politiko, religio aŭ socia rango. Kiu rezultato estas jam atingita?

En Danujo oni fondis „Bureau for Opretholdelse af Internationalt Samwirke“ (Oficejo por konservado de internacia kunlaborado, adr.: Vester Voldgade 8/II, Kopenhago), kiu laboras sur la sama bazo kiel la Konsilantaro nederlanda. En Svisujo S-ro Prof. D-ro Nippold iniciatis la fondon de „Komitato por la studo de daŭra pactraktato (Adr.: Bern, Pension Herter) en kiu kunlaboras reprezentantoj de diversaj grupoj. Tiu komitato publikigis jam memorandon pri la principoj de daŭra pactraktato. El Norvegujo, Hispanujo, Svedujo kaj Sud-Afriko oni ricevis multe da pruvoj de simpatio de eminentaj personoj kaj organizoj, kaj ankaŭ tie oni serioze pripensas la fondon de centra pacorganizo.

Ankaŭ en la militantaj landoj oni jam fondis asociojn, kiuj speciale laboras por la estonta paco, kiel ekzemple en Anglujo la „Union of Democratic Control“ (Unio de demokrata kontrolo, adr.: 37, Norfolk Street, Strand, London WC.) kaj en Germanujo la „Bund neues Vaterland“ (Ligo nova patrujo, adr.: Tauentzienstrasse 9, Berlin W. 50). Tiel la „Union of Democratic Control“ kiel la „Bund neues Vaterland“ eldonis presaĵojn, en kiuj oni avertas kontraŭ malutilaj ekscesoj de malamikaj sentoj.

En Germanujo aperas nova ĉiusemajna gazeto „Sozialistische Auslandspolitik“, kiu celas la pligrandigon de internacia kunlaborado (eldonisto D-ro R. Breitscheid, Fasanenstrasse 58, Berlin W. 15), dum en Anglujo ekzistas „Goodwill“, revuo de internacia amikeco, eldonita de la grupo de la „Mondligo de Eklezioj por pligrandigi la internacian amikecon.

La franca verkisto Romain Rolland skribis en la „Journal de Genève“ kun granda laŭdo pri la Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito. Li diris i. a.: „La Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito estas sendube la plej grava provo, kiu dum la lastaj monatoj estas farita, por unuigi la pacifistajn pensojn“. Romain Rolland priparolas tre ŝatinde la diversajn laborojn de l' Konsilantaro, kaj finas, rememorigante ĉiun

pri sia tasko, konservi eĉ dum la plej grandaj ventegoj de l' pasioj la spiritan unuecon de l' civilizita homaro.

Por nun estas sufiĉe pri tiu Konsilantaro. Kiu volas scii pluajn detalojn sin turnu al la Sekretariejo, Theresiastraat 51, Hago, kaj petu la broŝurojn „Por la estonta paco", kaj „Alvoko al la nederlanda popolo" (ambaŭ en Esperanto). „Nederlandsche Anti-Oorlog Raad, kio ĝi celas kaj kiel ĝi laboras" (en angla, franca, kaj germana lingvoj) aŭ „Novajoj de Holando" (ankaŭ en angla, franca, kaj germana lingvoj). Ŝajnas al mi, ke estus tre utila, se UEA ankaŭ oficiale interrilatus kun la Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito. La Konsilantaro estas absolute neŭtrala, kaj ĝia celo estas tute konforma al § 1 de nia Statuto. Ni, Esperantianoj, ja volas plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, kaj por tio ni bezonas la pacon. Ĉiu vera Esperantiano, ĉu li estas ano de neŭtrala aŭ militanta lando, certe volonte volas kunlaboradi al la programo de la nomita Konsilantaro, kiu en Nederlando jam havas milojn da subtenantaj membroj kaj centojn da diversaj aliĝintaj societoj.

*C. Chr. Droogendyk.*

## La viktimoj de la milito

*Nova parto*

I

En N-roj 174, 175 kaj 176 de „*Esperanto*" ni publikigis la unuan parton de la laboro de S-ro Prof. D-ro E. Rœthlisberger, direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj. Pro la novaj faktoj liveritaj de la militspertoj, Prof. Rœthlisberger faris duan laboron pri la sama ĝenerala temo de la militviktimoj. Ni estas feliĉaj, ke ni povas prezenti al niaj legantoj la tradukon de tiu dokumentita verko, frukto de multaj spertoj.

Novaj spertoj pri la multspecaj malfeliĉaj situacioj, kiujn kreis la mondmilito igas konsilinde aldoni sekvon al la antaŭa, multe disvastigata, studo pri la militviktimoj. Volonte ni estus ja rezignintaj tiun laboron, sed ni esperas, ke pro sia objektiva skribmaniero ĝi helpos starigi laŭcelan ordon en la komunaj spertoj, deziroj kaj klopodoj.

*La Invalidoj*

La sorto de la militistoj, verŝajne por ĉiam netaŭgaj al plia servado, tre interesas la publikon. Kaj vere la situacio de la oficiroj kaj soldatoj, kiuj estas pafkripligitaj aŭ pro aliaj korpaj difektoj devas eksiĝi el la armeo, estas tia, ke la sentema animo de la popolo estas kortuŝata kaj ĝia fantazio forte instigata. Oni sentas kiel maljustecon, ke tiuj dumvive aŭ almenaŭ dum la milito nemilitkapablaj homoj devas ankoraŭ resti malliberigitaj. Kial oni ne tuj ilin interŝanĝas kaj resendas al ilia patrujo? Jen la ĝenerala demando. Kial la lastjara prezidanto de la Svisa Konfederacio, S-ro D-ro Hoffmann, devis komenci traktadojn pri ilia rehejmigo jam en oktobro 1914, kaj kial pli poste la papo Benedikto sentis sin devigata alsendi seriozajn admonojn al la ŝtatestroj, pro la sama afero?

Tiu multmonata prokrasto en la solvado de tiel simpla afero aperis al multaj personoj kiel nekomprenebla. Estas ja ankoraŭ forte enradikiĝinta de kvardek jaroj la malnova ideo, ke la Ĝeneva Konvencio ebligus proceden multe pli rapidan, opinio, kiu bazas sur art. 6 de la unua konvencio de 1864: „Tiuj vunditaj aŭ malsanaj militistoj, kiuj post kuracado estas rekonitaj kiel netaŭgaj al plia servado, estu resendataj en sian landon. La aliaj (t. e. la kuracitaj kaj militaŭgaj) vunditoj kaj malsanuloj povas ankaŭ esti resendataj, kondiĉe ke dum la milito ili ne plu reprenu la armilojn."

La nunaj juraj cirkonstancoj estas tute aliaj. Okaze de la revizio jam la Svisa Federala Konsilantaro estis proponinta forigi la cititan artikolon. La apliko de la aldonaj artikoloj de 1868, kiujn dum la franc-germana milito 1870—71 oni akceptis kiel devigajn, pruvis la neoportunecon konservi la diferencon inter la traktado de la nevunditaj kaptitoj, kiuj restas malliberigataj, kaj de la vunditaj, sed resanigitaj kaptitoj, kiujn oni devis rehejmigi. Precipe oni ne aplikis la regulon, ke tiu lasta kategorio promesas ne repreni la armilojn, ĉar mankis garantio, ke tiu promeso estu plenumata.

Cetere en la daŭro de l' tempo montriĝis ŝanĝoj en la ĝenerala opinio pri tiu temo. Diversaj militistaj regularoj estis akceptintaj la principon, ke oni ne rajtu postuli de kaptito la honorpromeson pri sindeteno je plia militista ago, unue ĉar la promeso puŝus la soldaton en tragedian konflikton kun lia alstandarda ĵuro kaj la nerompota fideleco al la patrujo, due ĉar unupartia promeso ne libervole donita estus senvalora. La konservado de la antaŭa regulo montriĝis do nerealigebla unuflanke kaj malmorala aliflanke, ĉar ĝi elvokas konsciencajn konfliktojn.

La demando, ĉu en la novan Ĝenevan Konvencion oni starigos specialajn kondiĉojn pri la vunditoj, ĉu oni submetos ilin al la ĝenerala regularo por la kaptitoj, estis dum la revizia konferenco de 1906 pritraktita en diversaj kunvenoj, per multaj voĉdonoj. Ĝenerala devigo estis malakceptata. Oni decidis nur lasi la eblon mildigi la severan principon de samspeca traktado de ĉiuj militkaptitoj. En art. 2 de la reviziita konvencio estas do deklarite, ke la militantaj partioj estas liberaj kontrakte interrilati pri la malsanaj kaj vunditaj kaptitoj, „precipe pri la rehejmigo de la transporteblaj aŭ resanigitaj malsanuloj, kiujn la kontraktintoj ne volas reteni kiel kaptitoj." Ĉiu tia faciligo devas do esti fiksata per speciala interkonsento. Tiamaniere oni volis permesi al la militantoj ke ili eligu el tiu favoro ĉiujn aŭ almenaŭ la superajn oficirojn, ĉar oni estis atentiginta, ke ankaŭ senbraka oficiro povus kiel instruanto aŭ kiel taktikisto en la stabo fariĝi tre danĝera al la malamiko. Unu el la delegitoj en Ĝenevo eĉ diris, ke en certaj cirkonstancoj la kapo de tia oficiro egalvalorus tutan armeon. Plie la partioj konservas plenan kompetencon fiksi, kion ili komprenos sub la esprimo „netaŭgeco al plia servado". Sekvas, ke dum surtera milito la vunditoj, la malsanuloj kaj la daŭre militnekapabluloj ne rajtas postuli apartan traktadon; sed tia favoro povas esti atingata per speciala interkonsento. Dank' al tiu nedeviga regulo la nova konvencio estas almenaŭ ne malprogreso kompare kun tiu de 1864.

Tia interkonsento povis, post multaj traktadoj, fine esti realigita inter Francujo kaj Germanujo. Dum marto 1915 iom pli ol 2600 daŭre kripligitaj, inter kiuj 32 oficiroj, estis transportitaj sur la vojo Konstanz—Lyon kaj ree, per la zorgoj de la svisa militista estraro kaj de la svisa Ruĝa Kruco. Estas esperinde, ke je tiu granda bonfaro povos partopreni multaj aliaj militistoj en sama situacio, kaj tio ne sole sur la okcidenta militkampo, kaj sen konsidero pri la respektiva nombro de la transportotoj, t. e. ne limigante la interŝanĝon je egala nombro ambaŭflanke. Ni deziras speciale atentigi, ke la transportotaj soldatoj ne devas necese esti plene kripligitaj; la Ĝeneva Konvencio de 1906 permesas ĝenerale la rehejmigon de la transporteblaj aŭ resanigitaj malsanuloj kaj vunditoj, „kiujn la kontraktintoj ne volas reteni kiel kaptitojn." Tio ebligas multe pli larĝigi la kadron de la favorotaj personoj.

*(Daŭrigota.)*

*Prof. D-ro E. Rœthlisberger,*
Direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj.
Trad.: *Ed. St.*

# Vizitoj al militkaptitejoj

*Raportoj de la Delegitoj de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco pri iliaj vizitoj al militkaptitejoj en Francujo, Germanujo kaj Britujo.*

II

En la lasta N-ro ni publikigis la raporton de S-ro Leŭtenanto-Kolonelo D-ro C. de Marval pri lia vizito al la francaj kaptitejoj. Ni nun aperigas la konkludojn de la raporto de S-ro A. Eugster, deputato ĉe la svisa Nacia Konsilantaro, pri lia unua vizito al la germanaj kaptitejoj. Lastatempe S-ro Eugster faris novan serion de vizitoj al aliaj germanaj kaptitejoj.

---

Dank' al aŭtomobiloj kaj zorga utiligo de la tempo mi povis viziti dek kaptitejojn (Gardelegen, Sennelager, Holzminden, Zossen, Königstein, Königsbrück, Grafenwöhr, Regensburg, Ingolstadt, Lechfeld), dediĉante sufiĉe da tempo al ĉiu el ili.

Nenie mi aŭdis plendon pri traktado maldolĉa aŭ malafabla; kontraŭe, mi aŭdis multe da favoraj atestoj. Necese estas, ke regu la disciplino; tion komprenas la kaptitoj, kiuj estas soldatoj; transdonante la internan servadon al la suboficiroj, oni trovis bonan rimedon por konservi la disciplinon. Ĝenerale, oni konstatas, ke la francaj soldatoj estas bonvolaj kaj decaj.

La kaptiteco estas por multaj malĝoja sorto, sed kiu estas saĝa, tiu komprenas, ke kaptito povas havi nur modestajn pretendojn. Li ja scias, ke li estas kaptito. Tial la kleraj homoj — tiaj estas multaj inter la kaptitoj — estas tiuj, kiuj la plej ofte kaj la plej plene esprimis sian kontentecon.

Dum paca tempo oni ĉie trovas malkontentulojn; tiom pli en milittempo ĉe militkaptitoj. La malo estus miriga. La individuoj, laŭ sia karaktero kaj ankaŭ ofte laŭ sia infaneco, malsame elportas tian sorton, kia estas la kaptiteco; pli ol unu malfacile rezignacias je tia situacio.

Tiom kiom mi povis konstati, la kaptitejestroj estas ĉiuj bonaj kaj mildemaj homoj, kiuj penas plifaciligi la en si mem malfacilan sorton de la kaptitoj.

La kaptitejoj el barakoj nove konstruitaj estas la pruvo de granda organizkapablo. Oni ne forgesu, ke oni neniam antaŭvidis tian grandan nombron de kaptitoj kaj ke oni devis rapide konstrui grandajn kaptitejojn. La kaptitoj alvenis multope en kaptitejoj duonfinitaj; estis neeble, ke ĉio estu en ordo je la komenco. La germana aŭtoritato tion konfesas volonte, sed oni devas konstati, ke oni konstante kaj sukcese laboras je la plibonigo.

La pli multaj barakoj estas tre praktikaj kaj bone konstruitaj; la aperantaj difektoj estas rapide korektitaj. Hejtado estas ĉie instalita, kaj eĉ centra hejtado en unu kaptitejo. La lumigo estas preskaŭ ĉie elektra pro la bruldanĝero. La kuŝujoj estas ĉie bonaj; ili konsistas el pajla matraco kaj du lanaj kovrotukoj. Neniu kaptito kuŝas sur la grundo. En la plimultaj kaptitejoj la loĝado kaj kuŝado estas la samaj kiel por la germanaj soldatoj. Mi ĉiam opiniis, ke oni ne povas postuli pli ol tion, ke la kaptitoj estu traktataj kiel enlandaj soldatoj. La racian instaladon de la kaptitoj multe plifaciligis la granda nombro de paradaj placoj ekzistantaj en Germanujo. Tio multe utilis al la kaptitoj. La loĝejoj ne ĉiam estas belaj, sed ili ĉie estas sufiĉaj.

La nutrado, kiun mi preskaŭ ĉie gustumis, povas esti konsiderata kiel bona kaj sufiĉa. Ekzistas diferencoj, sed kiu povas tion eviti, kiam oni devas nutri 600,000 homojn de malsamaj naciecoj, rasoj kaj devenoj. Oni povas individue atenti nur la malsanulojn, postuli pli estus ne konvene. La bona mieno kaj la saneco de la kaptitoj pruvas, ke oni tre bone povas vivi per tia nutraĵo. La militista administracio elspezas 60 pfenigojn po tago por germana soldato; la sama sumo estas difinata por kaptito. Ĉu oni povas postuli pli? Certe ne. Efektive, la faktoj de la nuna milito montras, ke la germana soldato estas bone nutrata.

La vestaĵoj de multaj soldatoj ekfariĝas neuzeblaj, sed oni utiligas civilvestaĵojn militiste fabrikitajn kaj provizitajn de insignoj. Tuko kaj subvestaĵoj estas sendataj al la kaptitoj el la hejmo. La estraro de la kaptitejoj ankaŭ liveras ilin senpage. Mi havas la impreson, ke kiam la donacoj el Francujo estos disdonitaj, oni estos plenuminta la bezonojn. Jam nun, oni tute ne havas impreson, ke mankas io. Pro la ĉiea instalado de lesivejoj, la tolaĵo estas rapide redonata al la kaptitoj.

En la kantinoj oni povas aĉeti ĉiuspecajn objektojn je taŭgaj prezoj. Estas bedaŭrinde, ke la tabako ne estas aĉetebla, sed tio estas komprenebla, ĉar oni scias, kian bonfaran efikon ĝi kaŭzas en la tranĉeoj. La aŭtoritatoj do konservas por la propraj soldatoj la tabakon kaj la cigarojn.

Rilate al la okupoj de la kaptitoj, oni povas diri, ke la postulata laboro ne estas ekscesa. Ĉiuokaze la viroj ne estas submetataj je nesana laboro; la malfortuloj aŭ malsanetuloj ne estas devigataj labori. En la grandaj kaptitejoj estas kompreneble neeble konduki ĉiutage ĉiujn kaptitojn al la laboro, tiel ke ĉiu havas sufiĉe da ripoztagoj. Ni vidis, ke la artistoj kaj metiistoj trovas laboron taŭgan al sia inklino. Multaj estas okupataj en la poŝtoficejoj aŭ en la kuirejoj.

Estas bonfaro, ke la militistoj povas labori. Kun la tempo nenio estas pli danĝera, je la fizika kaj morala vidpunkto, ol la senlaboreco. La klerulo povas sin distri per legado kaj skribado, sed la simpla homo, malmulte instruita, bezonas korpan laboron. La oficiro ne povas esti devigata al la laboro. Li devas okupiĝi sola. Estas demando, ĉu la grado de instruiteco tion permesas al ĉiuj, ĉar por tio necesaj estas ia intelekta matureco, ambicio kaj energio.

La oficiroj povas aĉeti librojn, kompreneble sub rezervo de la cenzuro.

En ĉiuj vizititaj kaptitejoj la sanitaraj aranĝoj estas bonegaj. Ĉiuj kuirejoj estas starigitaj laŭ la konata tipo de la militista kuirejo. Ĉie troviĝas baninstalaĵoj, duŝoj, kaj desinfektaparatoj.

La necesejoj estas ĉie pure konservataj — kio ne estas flanklasinda. La desinfektiloj plenumas sian sanigan celon.

Dank' al tiuj taŭgaj aranĝoj, la sanitara stato, ĉie kie la rusaj kaptitoj ne alportis malsanon, estas bonega, eĉ en surpriziga maniero. Efektive, se en la kaptitejo Sennelager, kun 20,000 kaptitoj, estas nur 3 % malsanuloj, tiun rezultaton oni ŝuldas al higieno. En Prusujo, mi renkontis ĉe Holzminden, kuracistan konsilanton, kiu estis vizitonta la lazaretojn kaj flegejojn de la prusaj kaptitejoj. En Saksujo, tiun inspektadon prizorgas la supera sanitara imperia aŭtoritato. Oni ja povas diri, ke la kaŭzo de tiu intereso estas egoismo, ĉar tiel oni volas protekti la indiĝenan loĝantaron kontraŭ la epidemioj, sed ĝi estas saniga egoismo, kiu altgrade profitas al la kaptitoj.

La lazaretoj faras aparte bonan impreson. Mi parolas nur pri la lazaretoj de la kaptitoj, ĉar ĉiu scias, ke la ordinaraj lazaretoj estas instalitaj en senmanka maniero. Mi vidis tiajn, kiuj similis modernan hospitalon kun ĉiuj aranĝoj postulitaj de la moderna medicino.

Mi ne renkontis francan vunditon aŭ malsanulon, kiu ne esprimis sian plenan kontentecon; pli ol unu havas dankeman rideton al la germana kuracisto, kiu lin zorge kuracis kaj, dank' al sia arto, eble evitis al li amputon.

*(Daŭrigota.)* *A. Eugster.* Trad.: *E. B.*

## La Internacia Informejo pri militkaptitoj

III

*La fako de la civiluloj*

La fako de la civiluloj fondiĝis, interne de la Informejo, konforme al la humana principo, laŭ kiu estas konsiderataj kiel militkaptitoj ĉiuj ajn anoj de la malamika nacio, kiuj estis internigitaj. La sama fako ankaŭ okupiĝis pri la personoj retenitaj en la invaditaj regionoj kaj kiuj estas plimalpli militkaptitoj. La fako de la civiluloj ricevas ĉiutage 1000—1500 leterojn.

Oni devas unue apartigi la leterojn transsendotajn el la leteroj destinitaj por la fako mem.

La leterojn de la unu kategorio oni poste dividas laŭ kelkaj klasoj: leteroj por civiluloj milittaŭgaj (neafrankotaj), leteroj por civiluloj nemobilizeblaj (afrankotaj), leteroj por la okupitaj regionoj (Belgujo, Nord-Francujo, Elzaco). Tiu dispartigo estas longa; ĝi postulas precizan konon pri la lokoj okupataj de la armeoj. La leteroj por tiaj regionoj estas nesendeblaj nun; ili estas do klasigataj laŭ la lokoj, tiel ke ili estu facile retroveblaj kaj forsendeblaj kiam eble. Oni per speciala presaĵo informas la sendinton, ke lia letero ne estas sendebla. En decembro la Informejo ricevis kelkajn milojn de tiaj leteroj tage; nun, la taga nombro malaltiĝis ĝis cento.

La korespondaĵoj rilataj al civiluloj konsistas precipe el petoj pri malaperintoj, pri traktado de la kaptito, pri liberigo de internigitoj, kaj ĉiuspecaj aferoj, kiuj postulas de la kunlaborantoj de l' civila fako tre diversflankajn kapablojn.

Inter la civilkaptitoj oni devas diferencigi la mobilizeblajn kaj la nemobilizeblajn. La unuaj (inter 17—60 jaroj, fakte ofte inter 15—70 jaroj) kalkuliĝas po miloj. La klopodoj por tiuj malfeliĉuloj, plej ofte sen monrimedo, eĉ sen vintra vestaĵo, estas tiom pli multaj, ke ilia kaptitejo restas longatempe nekonata. Necese estus, ke la listoj de tiuj malfeliĉuloj estu rapide starigitaj kaj komunikitaj.

Malgraŭ la rehejmigo de multaj civiluloj nemobilizeblaj, la Informejo ricevas ankoraŭ multajn petojn pri virinoj, infanoj, maljunuloj, kripluloj, kiuj estas ankoraŭ kaptitoj aŭ malaperis.

La fako de la civiluloj ankaŭ okupiĝis pri multnombraj enketoj ĉe la milit- kaj civiladministracioj, klopodoj pri transsendo de korespondaĵoj al Belgujo kaj al la okupataj regionoj, ktp.

La slipkestaro de tiu fako entenas ĉ. 60,000 slipojn. Ĝis februaro estis ricevitaj 20,000 adresoj de civiluloj internigitaj en Britujo, 8000 el Germanujo, 2000 el Francujo, 1000 el Aŭstrio. Tre multaj listoj el Francujo kaj Germanujo estas ankoraŭ atendataj.

La fako kalkulas ĉ. 50 kunlaborantojn, el kiuj 15 laboras dum la tuta tago. Krom tio, dudeko de personoj ekzamenas la leterojn aŭ faras slipojn hejme. Tiu multpersona kunlaborado iafoje ne sufiĉas por la ĉiutaga laboro.

*La sanitaristoj*

Tiu sekcio kreiĝis je la unuaj militmonatoj, sekve de la ĉiam pli multaj plendoj pri malkonformiĝo je la Ĝeneva Konvencio, speciale pri la art. 9 kaj 12, kiuj certigas al la sanitaristoj la rajton ne esti traktataj kiel militkaptitoj kaj esti resendataj al ilia lando tuj kiam ilia helpo ne plu estas necesa.

La fako de la sanitaristoj ricevis kaj transdonis la plendojn al la kompetentaj aŭtoritatoj. Ĝi ĉiutage ricevas ĉ. 50 leterojn el ĉiulandaj korespondantoj, pri kuracistoj, vundelportistoj, flegistoj, pastroj, kiuj atendas sian liberigon. Ĝi tiam sendas al la centraj komitatoj de la naciaj Ruĝkrucaj societoj, en formo de listoj aŭ individuaj petoj, la nomojn de la sanitaristoj kaj pastroj por kiuj ĝi petas la aplikon de la Ĝeneva Konvencio.

La fako de la sanitaristoj lastatempe ankaŭ starigis listojn de gravevunditoj kaj nekuraceblulo, uzatajn por la interŝanĝo de tiuj invalidoj.

La jenaj ciferoj dokumentas la laboron de la fakoj civila kaj sanitarista: Leteroj transsenditaj 30—40,000 (el kiuj 8—10,000 por kaptitoj). Leteroj netranssendeblaj: 15—20,000. Informpetoj: 25—30,000.

* * *

La skizo, kiun ni faris, kaj la ciferoj, kiujn ni citis, atestas la amplekson kaj diversecon de la laboroj plenumitaj de la Internacia Informejo pri militkaptitoj, kiu fakte fariĝis kvazaŭ internacia ministerio por ĉiuj militviktimoj. Dankadon oni ŝuldas al la organizantoj de tiu malfacila entrepreno kaj al la multnombraj sindonemaj kunlaborantoj, dank' al kies penado la laboro de la Informejo povis esti plenumita tiel kontentige kiel permesas la multaj eksteraj malfacilaĵoj.

Prilaboris *H. H.*

## ✩ NOTOJ ✩

.·. **Internacia Konferenco por la defendo de l' homaro.** — La 28—30 majo kunvenis en Bern Internacia Konferenco por la Defendo de l' Homaro, kunvokita de la Ligo por la Defendo de l' Homaro kun la helpo de kelkaj internaciaj asocioj. Ĉeestis ĉirkaŭ 50 delegitoj el Aŭstrio, Britujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Nederlando, Rusujo, kaj Svisujo. La kunvenoj prezidataj de D-ro Broda, direktoro de la Internacia Instituto por la disvastigo de la sociaj spertoj, estis viglaj kaj ĉiam amikaj. Partoprenis en la diskutoj precipe S-roj Hubbard, franca eksdeputato, Vogtherr, deputato ĉe Reichstag, Umfried, prezidanto de la germana paca societo, D-ro A. Jacobs, ĝenerala sekretario de la Internacia Kongreso de la Virinoj por la paco, P-ro A. Forel, Umano, el Romo, k. a.

Jen la ĉefaj deziresprimoj de la Konferenco:

La idealo de l' homaro, ĝiaj historiaj bazoj kaj la evolucio de l' homaro al la familio de la civilizitaj popoloj trovu lokon en la lerneja programo de ĉiuj landoj kaj kompletigu la instruadon de nacia patriotismo, kiu celas la pacan disvolviĝon de ĉiuj fortoj de la patrujo — tio por krei kontraŭpezon en la mentaleco de la popolamasoj kontraŭ la instinktoj de atakmilito.

La sankteco de la traktatoj estu ĉirkaŭata de ĉiuj moralaj garantioj (universala opinio) kaj materiaj (supernacia juĝopovo) por certigi la praktikan punadon, per la organizita universala konscienco, de la deliktaj agoj, kiel la rompoj de neŭtralecaj traktatoj kaj internaciaj konvencioj.

La estontaj pactraktatoj disponu je la loĝantaroj nur post sincera konsultado de la geregnanoj; krom tio devas esti allasata apelacio je la supernacia juĝopovo. La ŝtatoj garantiu al la naciecoj de sia teritorio la civilan egalecon, la religian liberecon kaj la liberan uzon de ilia lingvo.

La internacia anarkio estu iom post iom eliminata per la evolukapabla granda homa kunligo de ĉiuj popoloj, kia ajn estas ilia politika reĝimo:

*a)* per organizo de supernacia juĝopovo, kiu solvos ĉiujn jurajn konfliktojn, sankcios ĉiujn internaciajn deliktojn kaj plibonigos de jaro al jaro la organizon de la jura societo de la civilizitaj nacioj je la vidpunkto de ĉiuj komercaj, civilaj kaj interhomaj rilatoj;

*b)* per starigo de la konsult- kaj kontrolorganoj de la Konfederacio de ĉiuj civilizitaj nacioj.

— Laŭ alia decido de la Konferenco, la Komitato de la Ligo por la Defendo de l' Homaro kaj la Organizo de ĝia Progreso (sidejo: 60, avenue de Rumine, Lausanne) transformiĝos en konstantan Komisionon por la protektado de la minacataj interesoj de la homaro. En tiu komisiono partoprenos la delegitoj de diversaj internaciaj asocioj.

 ESPERANTISMO 

# Bileto de blankbarbulo

## *Post la Batalo*

*Jen anekdoto, kiun antaŭ kelkaj jaroj tradukis en tre elegantaj Esperantaj versoj Rektoro Boirac.*

*Victor Hugo, la famega franca poeto rakontas:*

*„Mia patro, heroo je dolĉa rideto, sekvata de unu pro lia granda braveco kaj altega kresko plej amata husaro, vespere la batalkampon trarajdis, dum la nokto ekfalis sur la mortintaron.*

*Brueto ŝajnis aŭdiĝi en mallumo.*

*Soldato el armeo venkita rampanta en sango ĉe la vojbordo, rompita, palega, duone senviva petegis: Por trinki, kompatu, por trinki!*

*Mia patro, kortuŝita, etendis al fidela sia husaro botelon da rumo pendantan de la selo kaj diris: Donu por trinki al tiu ĉi mizera venkito!*

*Subite, dum la husaro al li kliniĝis, la homo, speco de Maŭro, ekkaptas en mano prematan pistolon, celas la frunton de l' patro kaj krias: Karambo!*

*La pafo tiel proksime pasis, ke falis la ĉapelo de mia patro kaj ke malantaŭen eksaltis la ĉevalo.*

*Donu tamen al li por trinki! diris mia patro."*

* * *

*Aldoni komentarion mi preferas ne.*

*Mi nur demandos:*

*Ĉu sian patrujon malpli ol iu ajn amis la Generalo Hugo? — certe ne!*

*Ĉu lian noblan agon ni scias nun admiri plene kiel antaŭ kelkaj jaroj, kiam en niaj festoj ni aplaŭdis la reciton aŭ la legadon de l' elokventa traduko de Rektoro Boirac? Mi volas esperi, jes!* Th. Cart.

# DEK-UNUA KONGRESO DE ESPERANTO

**San Francisko, 22—29 aŭgusto 1915**

*Tria cirkulero*

La preparoj por la Kongreso estas jam preskaŭ finitaj. Jam de du jaroj niaj komitatoj prilaboris la preparojn por la VIIIa nacia Kongreso, kaj ni nur bezonis ilin plivastigi, por kunvenigi ankaŭ la XIan Kongreson.

Neniam okazis Esperanta Kongreso inter tiom da allogaĵoj. La mirlando de Ameriko, Kalifornio, kun siaj gigantaj arboj, siaj vastaj valoj plenaj je tropikaj fruktarbaroj, riĉegaj minejoj, nemezureblaj fontoj de petrolo, kaj siaj altaj neĝkronitaj montaroj, vin akceptos. Vi estos bonvenantaj, karaj samideanoj, kaj ni ne permesos al vi bedaŭri vian alvenon.

Inter la distraĵoj preparitaj por la kongresanoj estos tuttaga ekskurso, trans la golfo de San Francisko, kies belecon egalas nur la fama „Ora Korno" ĉe Konstantinoplo, preter la sekojaj arbaroj kaj supren inter la montoj. Okazos unika balo sur la supro de monto, de kie la nekalkuleblaj multkoloraj lumoj de la Ekspoziciejo aliformiĝos en mirindan „Juvel-Urbon".

Laŭ la „Faktlibro", presita kaj dissendata de la Ekspozicia Kompanio, sabaton, la 28 aŭgusto, oni festos kiel „Esperanto-Tago" ĉe la Ekspozicio. Je tiu tago ĉiu Kongresano povos senpage eniri la Ekspozicion. Granda demonstracio de Esperanto okazos en tiu tago, kaj la vespero estos pasigata sur la „Zono", tiu senegala strato de amuzaĵoj kaj distrejoj provizita je kosto de preskaŭ 25 milionoj da spesmiloj.

La unuan dimanĉon de la Kongreso, aŭgusto 22, okazos neformala kuniĝo de ĉiuj alvenintaj gesamideanoj en la fama „Ora Pordega Parko", kies centoj da hektaroj da tropikaj kaj duontropikaj kreskaĵoj atestas en frapanta maniero la dolĉan klimaton de nia regiono.

La ĝeneralaj kunsidoj de la Kongreso okazos dum la sekvantaj tagoj, de la 23 ĝis la 27 aŭgusto, inkluzive. Okazos ankaŭ la kelkaj kunsidoj de la Oka Kongreso de E. A. N. A. kaj de UEA. Specialaj fakaj kunsidoj estas en preparo, por ke nia kongreso havu kiel eble plej gravan kaj vastan kampon. La ĉefaj kunsidoj okazos en la vesperoj, por ke la kongresanoj havu tempon viziti la Ekspozicion tage.

Unu vespero okupata de senprepara oratora konkurso, Esperanta komedieto, deklamaĵoj kaj kantoj.

Ni volas denove atentigi pri la bezono de frua aliĝo al la Kongreso. Partoprenantoj devus tuj mendi sian kongreskarton kaj rezervigi al si loĝejon. Dum la monato aŭgusto San Francisko gastigos pli ol 250 kongresojn, kaj estus konsilinde, fari siajn aranĝojn kiel eble plej antaŭtempe.

La kongres-insigno estas la plej bela kaj multekosta iam preparita por Esperanta Kongreso. La kongresanoj kaj helpkongresanoj ricevos ĝin senpage, kune kun ĉiuj dokumentoj de la Kongreso, bela gvidlibro tra San Francisko, ktp. Aldone al tiuj dokumentoj, la helpkongresanoj ricevos senpage la kolektojn da vidaĵkartoj de San Francisko kaj la Ekspozicio (40 kartoj kun Esperanta teksto) kaj provizon da kongresaj markoj. Oni vidos, ke ĉiuj ricevos plenan valoron por sia kotizaĵo.

La adreso de la Kongreso estas simple: *Esperanto-Kongreso*, San Francisko, U. S. A.

* * *

*Literatura konkurso*

Rememorante la malfeliĉajn tempojn, kiuj diskrevas Esperantujon, kaj la mallongan periodon por preparado, kiun ni havis, la samideanoj certe pardonos al ni, se niaj aranĝoj por literatura konkurso ne ŝajnas tiel bonaj, kiel tiuj de antaŭaj kongresoj.

Ni decidis proponi tri ĝeneralajn kategoriojn, kiuj espereble troviĝos sufiĉe vastaj por ke granda nombro da konkursantoj partoprenu. Tiuj kategorioj estas la jenaj:

1e Originala teknika aŭ beletristika prozaĵo (ĉirkaŭ 5000 vortoj).

2e Traduko de mallonga rakonto neniam antaŭe esperantigita, prefere karakteriza rakonto de iu konata aŭtoro.

3e Poeziaĵo aŭ originala aŭ tradukita. Juĝota laŭ ĝia Esperanta literatura valoro.

Por ĉiu kategorio ni dume povas promesi nur unu premion, 15 Sm. Povas esti, ke apartaj societoj kaj individuoj proponos duajn premiojn aŭ pligrandigos la premiojn per donacoj, ktp.

Reguloj:

1e La manuskripto devus ne montri la nomon de la konkursanto, sed nur devizon kaj la kategorian numeron.

2e La devizon kaj numeron oni ankaŭ skribu sur fermita koverto entenanta la nomon kaj adreson de la konkursanto.

3e Manuskriptojn kaj kovertojn oni sendu al „Esperanto-Kongreso, San Francisko", kie oni akceptos ilin ĝis la lasta tago de la Kongreso, la 29 aŭgusto 1915.

4e Dum la ferma kunsido la kongresa komitato anoncos la nombron kaj devizojn de la ricevitaj manuskriptoj, kaj tuj poste forsendos ilin al kompetenta juĝantaro. La decidoj de la juĝantaro

estos anoncataj kiel eble plej frue en la Esperantaj gazetoj, kaj la komitato tiam sendos la premiojn al la gajnintoj.

5e La premiitaj verkoj aperos unue en *Amerika Esperantisto*, post kiam ili ree fariĝos la propraĵo de la aŭtoroj.

6e La nepremiitaj verkoj estos resendataj, se oni aldonos, al la koverto enhavanta la adreson, la necesan poŝtopagon.

* * *

*Ekspozicio de Esperantaĵoj*

La Komitatoj por la XIa Internacia Kongreso kaj la VIIIa Nacia Kongreso aranĝas grandan ekspozicion de Esperantaĵoj. Ĉiuj eldonistoj de libroj, gazetoj, poŝtkartoj aŭ glumarkoj Esperantaj, estas petataj sendi al la Kongresa Komitato (D. E. Parrish, 1350, Pine St., San Francisco) materialon por tiu Ekspozicio. Prefere, ĉiuj objektoj kaj presaĵoj estus sendataj donace, sed se la senditaĵoj devas esti resendataj post la Kongreso, oni tion notu sur ĉiu peco. Se senditaj presaĵoj, ktp. estas vendotaj por la profito de la sendinto, oni notu zorgeme prezojn kaj rabatojn. Ĉio sendita estos ekspoziciata en la urba Aŭditorio, kie ankaŭ la neesperantista publiko povas rigardi kaj aĉeti la aĵojn elmontratajn. Ni esperas, ke multaj firmoj uzos tiun ĉi senegalan okazon por montri siajn eldonaĵojn antaŭ la esperantista publiko de Ameriko.

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Oka Brita Esperantista Kongreso

La oka Brita Esp. Kongreso okazis en Bath la 22—25 majo samtempe kun la sepa Belga Esp. Kongreso. Ĝi estis sukcesplena. Partoprenis pli ol 200 personoj, inter kiuj multaj Belgoj kaj kelkaj aliaj aliilandanoj.

La ĉeestintaro estis invitita partopreni je oficiala akcepto kaj koncerto sabaton vespere, sub la prezido de la urbestro.

Dimanĉon matene okazis Diservo, ĉe kiu predikis Pastro J. C. Rust. Poste sekvis vizitoj al parkoj kaj aliaj vidindaĵoj, kaj vespere sociala kunveno.

La ĝeneralan kunvenon de B. E. A. ĉeestis ĉirkaŭ 150 membroj. D-ro Pollen prezidis pro la foresto de la Prezidanto, nun en la armeo. La ĉefa afero de tiu kunveno estis la respondo de la tieaj membroj al la alvoko pri la garantia kaso. Por atingi la minimumon (5000) estas bezonata sumo de 820 funtoj. Post kelkaj minutoj oni anoncis, ke la sumo garantiita estas jam 5200 funtoj. La legado de la rezulto de la baloto montris preskaŭ neniun ŝanĝon en la konsilantaro de la Asocio.

Posttagmeze okazis ekskurso al apuda vidinda urbeto, kaj vespere koncerto, ĉe kiu ludis, kantis kaj deklamis belgaj kaj anglaj artistoj.

La Sepa Belga Esp. Kongreseto, kiun ebligis la morala kaj materiala helpoj de la Brita Esperantistoj tre bone sukcesis; ĝin prezidis, pro malsano de S-ro Witterijck, prez. de la Belga Esp. Ligo, S-ro D-ro Van der Biest, la eks-sekretario de la neforgesita Antverpena Kongreso. La kongresanoj alprenis gravajn decidojn por la daŭrigo de la Esp. vivo en Belgujo kaj de la revuo „*Belga Esperantisto*".

Bath, kiu estas Romana urbo, sidas en valo ĉirkaŭita de belaj montetoj. Ĝi estas fama pro siaj banejoj kaj mineralaj akvofontoj. Plej agrablan kaj sukcesan kongreson organizis la „Bananoj" (alnomo donita al la Esperantistoj en Bath [banejo] de D-ro Pollen).

*E. A. A.*

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

### Aŭstrio-Hungario.

*Bohemujo:* Malgraŭ la terura tempo la movado restas vigla. Neniu Esp. gazeto aperas, sed la propagando per la nacia gazetaro daŭrigas kontentige. S-ro D-ro Schulhof, el Pardubice, skribas Esp. raportojn en „Csveta dielu", F-ino Šupichová en „Náchodské Listy" kaj „Maly Čtenar", S-ro Kučera en „Svet", Mráz en „Národní Listy" (plej granda bohema gazeto), bone konata samideano en „Dalibor". Antaŭ du monatoj estis fondita libera propaganda unuiĝo „Bohemaj Esp. Pioniroj" kun jena estraro: Prez. J. Šidlo; sekr. J. Mráz; kas. X. Kučera; anoj: D-ro Schulhof, P-ro Stepkal kaj „Avozo". La unuiĝo preparas festigon ĉe 500-jara forbruligo de la bohema martiro Jan Hus (donacojn oni sendu al S-ro X. Kučera, ŝparkaso, Knezeves ap. Rakovnik). — *Capodistria:* En la kvara ĝenerala Kongreso de Istria Esperanta Unuiĝo oni elektis: Prez.: Prof. D. Cossaro; sekr.: A. Camuffo; kas.: M. Zetto; reviziistoj: F. G. Chierego kaj L. Cossaro. La kongreso aprobis la viglan agadon de l'Direkcio kaj sendis saluton al honora vicprez. Prof. Josè Domenech el Gerona (Hispanujo) nun elektita kapitano.

### Britujo.

*Birmingham:* Malgraŭ la milito la societo pligrandiĝas. Dum la somero la kursoj daŭrigos ĉiumarde. Ĉiusabate okazas ekskurso. — *Edinburgh:* La kurso por policanoj finiĝis kun granda sukceso; 30 policanoj gajnis la ateston de la Edinburgh School Board; 14 plenumis la ekzamenojn de B. E. A. — *Glasgow:* S-ro Marquis R. Livey, membro de UEA, malfermis Esp.-Oficejon ĉe 122, West Nile Str. — *Hastings:* La grupo aranĝis sukcesan tevesperon kaj koncerton. — *Leicester:* Ĉe la jara kunveno de la Midland kooperativa eduka asocio, S-ro E. Harrott paroladis pri Esp. kaj kooperativistoj. — *London* La Esp. diservoj daŭrigas okazi ĉiumonate en Harecourt Church. Diversaj grupoj aranĝas somerpromenadojn. Okazas propagandaj mitingoj en Hyde Park. — *Manchester:* Ĉe kunveno de la grupo S-ro Blaise faris paroladon pri Belgujo. — *Merthyr Tydvil:* La kvaronjara kunveno de la Sud-Kimruja Esp. Ligo okazis sub la prezido de Pastro Harris. Pastro Morris paroladis pri Esp. kaj la milito, kaj tre interesa diskuto sekvis. — *York:* La societo, kiu kalkulas pli ol 40 anoj, bone progresas. La sekretario paroladis pri nia afero al la Jorkaj skoltinoj.

### Danujo.

*Kopenhago:* La alvoko de D-ro Zamenhof al la diplomatoj estas publikita en „Esperanto-Raporto", dane tradukita. La tradukaĵo estis sendita al la Dana Interparlamenta Grupo, kiu per S-ro Frederik Bajer, konata propaca batalanto kaj Nobelpremiulo, dankis pro la interesa sendaĵo, kiu estis enmetita en la skribaĵkolekto de la grupo „La interparlamento". — *Odense:* La 10—11 julio okazos la VIIa dana jarkunveno. Ĉiuj kunvenoj kaj festoj endomaj okazos en la hotelo „Fyens Forsamlingshus". Estos aranĝataj prezentado de la urbo, ekskurso al ĉirkaŭaĵoj kaj, vespere, komuna manĝo.

### Francujo.

*Marseille:* Ĉiulunde Esperantista-Angla kunveno gvidata de S-ro Michel; ĉiujaŭde perbilda Esp. kurso farata de S-ro Giraud.

### Germanujo.

*Berlin:* Sub la titolo „Deutscher Esperanto-Dienst" (germana Esperanto-servo) fondiĝis entrepreno, kiu celas peradi kaj disvolvi german-internaciajn rilatojn, kaj informadi pri Germanujo. La estraro

konsistas el D-ro E. Kliemke, D-ro Breiger, S-roj A. Behrendt, P. Tietsch kaj F. Ellersiek. La organo estos la germana gazeto „Deutsche Warte". (Adreso de la entrepreno: Wissmannstr. 46, Berlin S. 59). — *Dresden:* La grupoj regule kunvenas, kvankam multaj membroj soldatiĝis. — *Frankfurt a. O.:* Senpage kurso kun 25 lernantoj estis aranĝita. — *Leipzig:* Okazis la kvara societvespero de la loka societo; ĝi havis bonan sukceson. Inter aliaj paroladis S-ro deputato Steche pri siaj vojaĝimpresoj el Afriko kaj Azio. D-ro Steche ankaŭ faris paroladojn ĉe la Instruista Unuiĝo kaj ĉe la Akademia Studenta Unuiĝo. Oni invitis al nova kurso, kiu promesas bonan partoprenon. — *Ohrdruf:* Sekve de propagando de S-ro E. Joly, militkaptito, 25 kaptitoj okupiĝas pri Esp.; kurso malfermiĝos. — *Plauen i. V.:* Nova kurso estis aranĝita. — *Quedlinburg:* Ĉe tiu kaptitejo, ĉ. 30 francaj militkaptitoj studas Esp. — *Schwenningen:* Nova kurso por komencantoj. — *Stuttgart:* La kursoj finiĝis, sed novan kurson komencis la laboristoj. Oni aranĝis du bone vizititajn ekskursojn.

## Hispanujo.

*Barcelona:* S-ro A. Domenech faras kurson ĉe la Skoltoj kun ĉeesto de ĉ. 30 entuziasmaj lernantoj. Okazis publikaj ekzamenoj de ambaŭgradaj Esp. kursoj, kiujn D-ro Pastro Coll gvidis en la Universitato. La festo de la Barcelona Stelo havis tre bonan sukceson. — *Las Palmas:* Fondiĝis grupo sub la titolo „Centro Esp. de Las Palmas", kies prez. estas S-ro Felipe Suarez kaj sekr. S-ro J. Hernández. Ĉe la grupejo oni malfermis kurson kun multaj lernantoj. La aŭtoritatoj estas favoraj. — *Sabadell:* La grupo „Aplech" malfermis novan kurson, post sukcesa disdono de propagandiloj. — *Tarragona:* S-ro Benigno de Luna, prezidanto de Frateco de Zaragoza, faris paroladon. — *Terrasa:* Dum la Karnavalaj Festoj estis disdonitaj multaj propagandiloj. — *Valencia:* La „Federación Esperantista Levantina" elektis la jenan estraron: Prez.: S-ro A. Piño; vicprez.: F-ino Batlles de Eced; sekr.: S-ro A. G. Echevarria; vicsekr.: S-ro F. Soler Valls; kas. S-ro M. Millás.

## Nederlando.

*Harderwijk:* La movado ĉiam progresas: 66 internuloj estis instruitaj. S-ro Bonabo malfermis novan kurson la 1 julio; 30 lernantoj enskribiĝis, kaj oni esperas aliajn enskribojn. Granda parto de la lernantoj korespondas kun eksterlandanoj. — *Rotterdam:* Junuloj, enloĝantoj de la orienta kvartalo, fondis novan grupon, sub la nomo „Orienta Stelo". S-ro Huessen, prezidanto de „Verda Stelo", gvidas kurson ĉe ili. — *Utrecht:* S-ro de Vries malfermis kurson por la skoltoj; 30 partoprenantoj.

## Norvegujo.

*Trondhjem:* La plej grava gazeto de la urbo „Dagsposten" aperigas Esp.-kronikon verkitan de S-ro I. O. Nahlsund. La intereso por Esp. revekiĝas. Oni esperas baldaŭ komenci kurson inter lernantoj de la infanteria suboficira lernejo. La grupo aranĝis ekskurson al la akvofaloj „Lerfossen".

## Rusujo.

*Ĥarkovo:* La jarkunveno okazis sub la prezido de S-ro S. A. Gjubiev. S-ro Volevič faris tre interesan paroladon pri la agado de la societo kaj la labormetodoj por bona loka propagando. D-ro V. G. Sobolev estis elektita kiel prezidanto. — *Kiew:* La tekoncerton, aranĝitan de „Verda Stelo", partoprenis pli ol 100 personoj. La brila programo, daŭrinta pli ol 2 horojn, estis tre ŝatita de la ĉeestintoj. — *Kronstadt:* La speciale marista gazeto „Kotlin" daŭrigas publiki Esp. propagandofakon, prizorgatan de S-roj N. Karatajev kaj Ĉ. Prusskij. — *Jurjev:* Okazis la jara festa kunsido de la Esp. Societo. S-roj Huoponen, Vaĥtkerl, Blaufeld, Ajspurit, Kikkas, Solonevič, faris propagandajn paroladojn. La festotago finiĝis en amika terondeto. — *Narva:* La grupo jam havas ĉ. 50 membrojn. La semajnaj kursoj daŭrigas sub la gvidado de S-ro A. Karusar. — *Orel:* Laŭ peto de la lernantoj de superaj du klasoj S-ro V. Groĥolskij komencis kurson. — *Petrograd:* La Esp. Grupo en Teknologia Instituto kunvenas dusemajne; oni parolas ekskluzive Esperante. Ĉiufoje okazas specialaj raportoj pri iu nova temo.

## Svisujo.

*Bern:* La komitatoj, sub la prezido de S-ro Wenger, de la Svisa Esp. Societo kunvenis por ekzameni la ĝeneralan situacion de la societo kaj fiksi ĝian laborprogramon. Anstataŭ S-ro Schmid, eksiĝinta, S-ro R. de Saussure estis elektita kiel prezidanto. — *Rorschach:* Ĉiuĵaŭde okazas kunveno en hotelo Krone; alitage, ĉe la sama hotelo, estas legeblaj Esp. gazetoj. Lunde okazas kurso por komencantoj. Pasantaj samideanoj estas kore invitataj.

## Usono.

*Brooklyn* (N. Y.): Okazis tre grava kunveno en la aŭdejo de „Plymouth" Preĝejo. S-ro J. W. Morton paroladis pri la idealista valoro de Esp.; sekvis la fama edukistino S-ino W. S. Stoner, el Pittsburgh. Ĉeestis ĉ. 400 personoj. Oni starigos kurson. Multaj gazetoj favore raportis la aferon. — *Detroit* (Mich.): D-ro T. Sigel paroladis antaŭ la „Cosmos Club" kaj kaŭzis multe da intereso. Oni alprenis rezolucion pri enkonduko de Esp. en la publikajn lernejojn. — *Escondido* (Col.): S-ro W. W. Carpenter faris paroladon kaj aranĝis ekspozicion, kiuj havis bonan sukceson. — *Portland* (Me.): La Progresa Rondo tre sukcese prezentis al la dujara klaso ĉe la lernejo Esp. programon konsistantan el kantoj, deklamoj kaj originala teatra skizeto. — *St. Louis* (Mo.): Sekve de informpeto, S-ro G. M. Burkarth, Del., interesis al Esp. la agenton de unu el la ses usonaj oficejoj por fremdlanda komunikado. — *Washington* (D. C.): La Kolombia Unuiĝo, kiu kunvenas ĉiusemajne, donacis al la Urba Biblioteko libraron el 57 Esp. verkoj.

---

# LINGVA KOMITATO

Verkante raporton pri la lastaj laboroj de la Lingva Komitato sin trudas ĉiumomente la franca fablo de La Fontaine: „La Muelisto, lia filo kaj la azeno".

El multaj flankoj konsilojn ricevas la Akademio kaj admonojn, sed malaj ili estas inter si kaj reciproke sin detruas. Devo de l'Akademio estas do ĉion trankvile ekzameni kaj poste iri firme antaŭen, ne serĉante kontentigi „ĉiun kaj sian patron" kaj ne perdante tempon en vanaj diskutoj.

Ĉu oni deziras ekzemplojn?

Kelkaj postulas, ke la L. K. oficialigu la finaĵojn *acio, icio, ucio;* aliaj tamen proponas, ke oni aliformigu ilin en *aco, ico, uco,* dum la ceteraj volas ilin nepre forigi el ĉiuj esperantaj vortoj!

Kelkaj plene aprobas la finaĵon *oido;* sed aliaj preferas energie *ojdo.*

Unu volas, ke ĉiuj sciencoj finiĝu per *io* kaj ke de nun ni diru „matematikio", „fizikio", tial ke ni diras „ĥemio" aŭ, laŭ aliaj, „kemio". Sed al multaj tre malplaĉas tiu ĉi finaĵo *io!*

Abomena estas al iuj la fakto, ke en nia lingvo kelkaj vortoj finiĝas per *ulo, ino, ilo,* kaj ili proponas, ke sisteme oni kripligu tute internaciajn vortojn anstataŭante tiujn ĉi finaĵojn per *olo, eno, elo.* Sed male opinias la plimulto ĝis preskaŭ unuvoĉeco.

Kaj vere kelkaj Lingvo-Komitatanoj akceptas la „Fundamenton" sed ribelas kontraŭ la tie ĉi de Zamenhof uzita liberala kaj praktika metodo.

La pli akraj kritikistoj cetere ignoras aŭ ne konas la verkojn de Boirac, Kabe kaj precipe de Zamenhof. Por ili Esperanto ne ankoraŭ estas vivanta lingvo sed nur farota.

Feliĉe malmultaj ili estas, tre malmultaj, laŭ la akademia raporto mem. *Th. Cart.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Agado de UEA dum la milito.** — La kutima helpado al serĉado de malaperintaj civilpersonoj kaj la transsendo de leteroj daŭrigis kontentige, kun taga movado de ĉirkaŭ 200 leteroj. Kiel ni jam diris en la lasta N-ro la ŝanĝitaj kondiĉoj de Galicio malpli multigis niajn rilatojn kun tiu regiono. Kontraŭe, la partopreno de Italujo je la milito kaj la aperigo de noto en kelkaj italaj gazetoj ebligis al ni la plenumon de kelkaj servoj inter tiu lando kaj la aliaj militantaj regnoj.

Ni petas niajn Delegitojn, ke ili bonvolu laŭeble rememorigi en la lokaj gazetoj pri la servoj de nia Asocio por transsendo de leteroj. Ili nepre atentu: 1e ke ĉiu transsendota letero — nefermita — estu akompanata de *du* internaciaj respondkuponoj kaj de preta koverto kun la adreso de la ricevonto; 2e ke la leteroj enhavu nenian informon de politika aŭ militista karaktero, kaj prefere neniun indikon pri loko; 3e ke korespondaĵoj por la okupataj partoj de Polujo, Galicio, Francujo, ne estas transsendeblaj. Leterojn por Belgujo ni povas sendi *nur* al la jenaj urboj: Antverpeno, Bruselo, Hasselt, Liége, Verviers, Welkenraedt. Pri serĉado de malaperintaj militistoj nia Oficejo ne povas okupiĝi.

La C. O. faris novan sendon de propagandiloj al la konataj de ĝi militkaptitoj en Germanujo. Ni petas ĉiujn personojn, kiuj dezirus sendi aŭ sendigi propagandilojn al militkaptitoj, ke ili bonvolu skribi al nia Oficejo, precize notante la adreson de la kaptito.

La C. O. estas je la dispono de ĉiuj Esperantistaj militkaptitoj por interrilatado kun konatuloj, perado de komisioj, ktp. Al la kaptitoj, kiuj tion deziras kaj rajtas, ni volonte sendos regule nian gazeton senpage.

**Financoj.** — Ni informas ĉiujn membrojn de UEA kaj entute ĉiujn personojn rilatantajn kun la Centra Kaso, ke ni ne plu akceptos transpagilojn de la Ĉekbanko Esperantista *post la 31 aŭgusto 1915.*

Ni rememorigas, ke ĉiujn monsendojn — mandatoj, ĉekoj, ktp. — oni bonvolu sendi al Universala Esperanto-Asocio aŭ Esperanto, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.), *sen* indiko pri nomo de la direktoro aŭ de la oficistoj.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 31 majo estis enkasigitaj 1840 kotizaĵoj (el kiuj 92 subtenantoj kaj 142 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 92.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato majo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 2,527 | 3,358 |

*Tuta sumo:* 5,885. (Antaŭa monato: 7,463.)

### Novaj Delegitoj.

*Ruelle* (Francujo, Charente). — D.: S-ro Georges Günst.

*Les Sables d'Olonne* (Francujo, Vendée). — D.: S-ro Erhard Urban, Hotel de l'Océan.

*Schtip* (Serbujo, Leskovica selo). — D.: S-ro Dordević Svetolik, instruisto.

*Tarrassa* (Hispanujo, Barcelona). — D.: S-ro Sebástiano Charler, 124, S. Mariano.

*Viddin* (Bulgarujo). — D.: S-ro Vladimir Lazaroff, str. Borisova.

### Rimarko.

*Accrington* (Anglujo). — Pro mobilizo de la Del. oni bonvolu sin turni al S-ro S. Kirkbright, 4, Robert street.

### Ŝanĝoj.

*Clermont-Ferrand* (Francujo, Puy-de-Dôme). — D.: S-ro Adrien Testud, instruisto.

*Sabadell* (Hispanujo). — D.: S-ro N. Ullar, 122, str. Salut; VD.: S-ro A. Costa, 124, str. Salut.

*San Feliu de Guixols* (Hispanujo). — D.: F-ino Rozo Vilaret Esteva, str. Rutla N-ro 6.

### Eksiĝoj.

*Davos* (VD.: von Ehrenthal); *Barmen* (D.: Henke).

### Adresŝanĝoj.

*Washington* (Usono). — D.: S-ro Sheil, 319, Maryland avenue.

*Zürich* (Svisujo). — VD.: S-ro Unger, Granitweg 6, Z. 6.

# La agado de UEA dum la milito

*Raporto prezentita de la Direktoro de UEA al la dek-unua Kongreso de Esperanto*

I

De post la momento, kiam ni verkis nian jaran raporton por la Pariza Kongreso, gravegaj faktoj transturnis la mondon. Ĝuste dum la sama semajno, kiam nia paca anaro estis kunvenonta en grandioza manifestado, eksplodis la plej terura katastrofo, kiun iam travivis Eŭropo en la lastaj jarcentoj. Niajn plej karajn esperojn ĝi dolorige frapis. Vana fariĝis la granda preparlaboro, kiun plenumis niaj Parizaj samideanoj por akcepti pli ol tri mil ĉiulandajn Esperantistojn. La malferma tago de la Kongreso estis la tragedia tago de la mobilizo . . .

La militdeklarojn sekvis periodo de silento kaj neagado. En multaj landoj la Esperantaj gazetoj ĉesis aperi, la grupoj kunvenis malpli ofte, multaj el niaj samideanoj estis forprenitaj de la devo al sia patrujo; entute, la Esperantista vivo estis interrompita. Tamen, tiu stato ne longe daŭris. Post kelkaj semajnoj la vivo en la militantaj landoj alfariĝis al la cirkonstancoj. Kvankam memkompreneble la militaferoj daŭrigis okupi ĉiujn spiritojn, restis ĉe kelkaj personoj tempo por la ideaj movadoj, kiuj disvolviĝis antaŭ la katastrofo. Ĝuste nun, kiam malaperas multaj kulturvaloroj, grave estas, ke povu elteni tiuj internaciaj progresemaj movadoj, kiuj reprezentas la plej noblajn aspirojn al pli bona homaro. Ĉion eblan ili devas fari por rezisti al la malfavoraj kondiĉoj, kaj daŭrigi sian taskon.

Tiun necesecon bone komprenis la diverslandaj Esperantistoj. Kelkan tempon post la elreviĝo de la unua momento, la Esperantista vivo reviĝliĝis: kursoj denove malfermiĝis, grupoj regule kunvenis, gazetoj reaperis, kaj eĉ ĉe kelkaj militantaj landoj efektiviĝis grava propaganda laboro. Kiu ĉiumonate legas la kronikon de la gazeto *„Esperanto“* povas konvinkiĝi, ke nia movado restas tiom vivplena kiom permesas la situacio. Tro ambiciaj ni nun ne devas esti:

*Elteni* estu nia ĉefa celo — elteni tiel, ke post la milito ni povu rekomenci energian agadon kaj iri antaŭen.

Oni facile komprenos, ke la okazintaĵoj estis grava malhelpo por internacia organizaĵo kiel UEA, kiu nepre bezonas rilati kun ĉiuj landoj kaj kies ĉefa laboro konsistas el interŝanĝo de servoj inter diversnaciaroj. Opiniante, ke eĉ en tiel malfavora tempo, nia Asocio ĝuste pro sia internacieco povas utili al siaj membroj, ke ĝi plie havas la devon fari ĉion por eviti malplifortiĝon de nia afero, ni decidis ne interrompi nian laboron, sed adapti ĝin al la cirkonstancoj.

La tasko de la C. O. de UEA estis duobla: unuflanke, prizorgi la interesojn de la Asocio kaj subteni la Esperantomovadon, aliflanke utiligi la servojn de nia organizaĵo por la diversaj militviktimoj. Al tiu lasta agado ni estis alkondukitaj de la faktoj mem.

La milito tiel subite fariĝis, ke multaj personoj, okaze de vojaĝo aŭ libertempo, estis surprizataj fremdlande, kaj, pro la rompo de la poŝtaj rilatoj inter la malamikiĝintaj landoj, ne plu povis korespondi kun sia hejmo. Aliparte, tuj de la komenco estis tre granda nombro de civil- kaj militkaptitoj. Tamen, ĉar pri tiuj lastaj du kategorioj, fondiĝis en Svisujo, sub oficialaj aŭspicioj, speciala laŭcelaj institucioj, ni decidis dediĉi nian penadon precipe al la serĉado de malaperintaj civilpersonoj kaj al la transsendado de korespondaĵoj inter la militantaj landoj. Tiuj servoj povis esti plenumataj de nia Oficejo dank' al sia situacio en neŭtrala lando rilatanta kun ĉiuj militantaj regnoj kaj ankaŭ dank' al diversnaciaj kunlaborantoj jam elprovitaj dum paca tempo.

Por ke ankaŭ la neesperantista publiko povu profiti tiujn servojn kaj konatiĝi kun la praktika karaktero de nia Asocio, ni per la Delegitoj presigis en multnombraj diverslandaj gazetoj noton por atentigi pri la servoj de la C. O. de UEA dum la milito. De post oktobro 1914 la koncernaj servoj fariĝis pli kaj pli multaj, kiel atestas la cifero de la tiam ricevitaj leteroj (200 ĝis 300 tage). La pli granda parto de ili estis transsendotaj inter la militantaj landoj. Alia parto rilatis al ĉiuspecaj informpetoj pri malaperintaj civilpersonoj. Por atingi rezultaton ni do devis mem skribi al donitaj adresoj aŭ al administracioj, laŭ ofte tre necertaj informoj, kaj fari diversajn klopodojn, ĉu senpere, ĉu per niaj Delegitoj.

Ni tiamaniere sukcesis helpi al tre granda nombro de personoj, kiuj malesperis ricevi informojn pri parencoj aŭ konatuloj restintaj en la malamika lando. Dank' al nia Oficejo ili povis regule korespondi. Aliparte ni povis retrovi multajn malaperintajn civilulojn, kaj forpreni de la petintoj maltrankvilon kaj ĉagrenon. Multaj dankleteroj, ofte kortuŝaj, kiujn ni ricevis dum tiu periodo, atestas pri la graveco de la plenumitaj servoj.

De post marto 1915 la nombro de la korespondaĵoj malpligrandiĝis pro la rehejmigo de multaj civilkaptitoj kaj pro la neebleco korespondi kun okupita Galicio, al kiu ni antaŭe transsendis multajn korespondaĵojn. Nuntempe (junio) la movado de la poŝtaĵoj atingas 150—200 tage. De novembro 1914 ĝis fino de majo 1915 ĝi sumas 71,652 (dum la antaŭa jaro, sama periodo: 27,994). En la sama daŭro ni ricevis pli ol 35,000 respondkuponojn kaj plurajn milojn de diversnaciaj markoj.

Tiuj servoj trudis al ni gravan laboron. Por ĝin plenumi, la C. O., krom la profesiaj sekretarioj, devis alvoki la helpon de kelkaj Ĝenevaj bonvoluloj, kiuj konsentis dediĉi kelkajn horojn tage je la servoj por militviktimoj. Multaj Delegitoj aktive kunlaboris kun nia Oficejo, precipe tiuj en Londono, Moskvo, Aachen, Dresden, Düsseldorf, Karlsruhe, Bordeaux, Nancy, Paris (F-ino Gérard), Budapest, Krakow, Villach, Wien, Bologna, Kopenhago, k. a. Ilin ĉiujn ni tutkore dankas pro la sindonema kaj senlaca helpado.

Ni ne bezonas longe atentigi, ke tiuj servoj estis ne sole utilaj en si mem, sed ankaŭ estis ŝatinda propagando por nia movado kaj por UEA, kiujn ili multe helpis diskonigi ĉe neesperantistaj rondoj, kaj en tiaj okazoj ne facile forgeseblaj.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*
Direktoro de UEA.

# Alvokoj

## Vegetara Ligo Esperantista

Samcelanoj!

La redaktoro de nia organo, S-ro Oscar Bünemann, pro revokiĝo el Milano al Hamburgo, kun granda bedaŭro devis momente forlasi sian taskon kaj transdoni la eldonadon de „*Vegetarano*" en neŭtralan landon, el kiu la plimulto el la diversnaciaj samcelanoj estos atingeblaj. La redakcia adreso nun estas: Bemuurde Weerd, O, 2, 32, Utrecht, Holando.

Sed, por inde daŭrigi nian valoran interligilon kiel ankaŭ por repagi tion ŝuldatan al ĝia diligenta iniciatinto kaj eldoninto, ni bezonas moralan kaj financan subtenon, kaj ni, spite la krizaj tempoj, alvokas la helpon por la nova societjaro 1915—1916 de ĉiuj liganoj, de ĉiuj interesatoj kaj samideanoj, kiuj sentas kun ni, ke la gravaj etikaj movadoj nun nepre ne devas malvigliĝi, sed kontraŭe stariĝi des pli obstine, ju pli peze premadas la konsekvencoj de la detruema mondmilito.

Jam tro da bravaj pioniroj perdiĝis por niaj sanktaj aferoj. Vigliĝu, vekiĝu la aliaj!

Samcelaj gazetoj bonvolu represigi ĉi tiun alvokon.

*Maria van Rees.*

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**L-to-Kolonelo Barraud,** el Bordeaux. S-ro L-to-Kolonelo Barraud estis fervora Esp. instruanto en la lernejo St-Cyr.

**Emile Boirac,** el Dijon, filo de Rektoro Boirac, prezidanto de la Esperantista Akademio. Okaze de tiu kruela funebro ni sendas al nia altŝatata samideano la esprimon de nia plena simpatio.

**Kurt Henke,** Del. de UEA en Barmen.

**Karel Hollegha,** kapitano, el. Česke-Budejovice, dronis en la rivero Drina (Serbujo). Li estis nelacigebla propagandisto de nia afero.

**Emile Jourdan,** el Marseille, bibliotekisto de la Esp. Grupo.

* * *

Kun sincera bedaŭro mi konigas al la samideanaro la funebran sciigon, ke la 29 majo mortis en Davos en sia 28a vivjaro post longa malsano **S-ro barono Maxim. v. Ehrenthal.** Esperantujo perdis tre fervoran, sindonan kunlaboranton; la mortinto estis dum kelkaj jaroj Vicdel. de UEA kaj Vicprez. de la Esp. Klubo Davos. Ĝis la lasta tago de sia vivo li ne ĉesis fari propagandon, ĉar en mondfama kuracloko kiel Davos ne mankas la okazo „internacie" propagandi. Jam tre malsana li ŝatis partopreni la kunvenojn. Kiel lastan saluton la ĉi tieaj samideanoj, kiuj ĉiam danke memoros pri li, metis sur la ĉerkon de la mortinto „Esperanto-Stelon" el verdaĵo kaj blankaj floroj freŝaj — ili ĉeestis la kremacion la 1 junio, je la 11a horo matene. La mortinto ripozu en paco! — *E. Herzog,* Del.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Sepa listo*

*Binder, A.*, el Stade, 3. Lagerkamp., Raum 4, Camp Dorchester, Dorset (Anglujo).

*Carrette, Edouard*, el Lille, 10a grupo, 1a cento, Lager Münster i. W.

*Degrassi, Giovanni*, el Capodistria, kaptito en Rusujo (loko nekonata).

*Gouchon, Louis*, el Lyon, 159a Reg. Inf., 4a Komp., Quedlinburg.

*Joly, Ernest*, el Francujo, 129a Reg. Inf., Cam. B., Baracke M. 29, Ohrdruf.

*La Gravière, Fernand*, el Belgujo, 4a Reg., Baraque 17, Harderwijk (Nederlando).

*Lengyel, Paul*, civilkaptito en Chateauroux (Indre, Franc.).

*Margot, Albert*, el Namur, Reitschule, Soltau, Hannover.

*Martron Henri*, el Francujo, 1a Reg., 4a Komp., Zossen.

*Verlague, Félix*, el Marseille, kaptito en Germanujo (loko nekonata).

*Weiss, Paul*, D-ro, el Wien, Evakuationsspital 24 A., Kostroma (Rus.).

*Zwickel, François*, el Budapest, civilkaptito en insulo Lieck (Finistère, Franc.).

* * *

S-ro *Hermann Krueger*, el Guestrov, Landwehr Inf. Reg. 51, 7a Landwehrkorps, estis vundita kaj malaperis la 9 septembro ĉe Tarnowko, sude de Lublin (Polujo).

S-ro *Senot de la Londo*, kapitano, 135a Reg. Inf., malaperis la 12 novembro ĉe Zonnebeke apud Ypres.

Ĉiujn ajn informojn pri tiuj malaperintoj oni bonvolu komuniki al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# Karaktero

Jus aperis la 4a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero“** laŭ M. J. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moralfilozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite Sm. 0,25 ĉe la eldoninto J. L. Bruijn, Weimarstraat 282, Hago (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO